1-2/2016, SEP, N-RO 30-31

# La Amsterdama Katedro




2016 © Ulrich Becker

## Duobla numero

*Ĉi tiu numero kovras la periodon ekde Oktobro 2015 ĝis Aprilo 2016, kiu valoras duoble. Fakte multaj engaĝoj bremsis la kompiladon de la bulteno, kaj la katedrulo pardonpetas al la legantoj. Aparte grava estas la finpretigo de Festlibro honore al Renato Corsetti, temporaba sed tre valora. Aliaj esploraj rezultoj estas priskribitaj. Pri edukado, interesa evento estis la vizito de studentoj el Torino al Amsterdamo kaj Roterdamo, danke al Esperanto. Fine, surprize la katedro iĝis videbla per poezio kaj arto en Nederlando.*

Foto: Presprovaĵo de la festlibro honore al Renato CORSETTI.

## Alvenas festlibro

de F. GOBBO

ĜUSTE ANTAŬ LA KOMENCO de mia katedruliĝo en Amsterdamo, mi prenis sur miajn ŝultrojn la taskon redakti volumon honore al Renato CORSETTI, tre grava homo ene de la Esperanto-Movado, kiu iĝis 75-jara en la fino de Marto 2016. La pretigado de la volumo daŭris tri jarojn, sed la plejmulto de la laboro okazis en la unuaj monatoj de 2016. Tiu temporaba tasko – kaj multaj aliaj, malpli gravaj, pri kiuj mi parolos sube – malfruigis la pretigon de ĉi numero de la bulteno. La festlibro titoliĝas latine *Lingua, politica, cultura: Serta gratulatoria in honorem Renato Corsetti*. Kial mi decidis uzi la lingvon de Cezaro kaj Cicerono? Kiel ofte okazas en Esperantujo, festlibroj enhavas kontribuaĵojn en pluraj lingvoj, kaj por havi simplan titolon oni foje elektas uzi la latinan lingvon. Aliaj ekzemploj estas festlibro honore al Fabrizio A. PENNACCHIETTI (*Loquentes linguis*) kaj tiu honore al Helmar FRANK (*Littera scripta manet*).

La volumo honore al Renato CORSETTI enhavas 29 ĉapitrojn entute, 19 verkitajn en Esperanto, 8 en la itala kaj 2 en la angla, laŭ la preferoj de la kontribuintoj, kiuj povis elekti inter la tri lingvoj en kiuj plej ofte Renato verkis la lastajn kvardek jarojn. La kontribuintoj venas de pluraj mondopartoj: ĉefe Eŭropo, sed ankaŭ Azio kaj Aŭstralio. Ĉiu ĉapitro havas tri resumojn, en la tri lingvoj, por faciligi la legadon al la diversaj publikoj. La Enhavtabelo de la volumo legeblas apendice rande de la fino de ĉi tiu bulteno (Figuroj 5, 6, 7). La volumon eldonas Mondial en Novjorko, kaj oni povos ĝin aĉeti en Julio 2016 per la kutimaj librovendejoj.[1]

La apero de la festlibro estis anoncita dum la Malferma Tago de UEA la 30an de Aprilo 2016, post kiam Renato donis sian prelegon. Eĉ la katedrulo donis prelegon, kies titolo estis: "Kion oni lernas planante sekretan lingvon? Lingvolaboratorio en Montesori-bazlernejo en Milano".[2] Temas pri priskribo de esploro farata kun bazlernejanoj

[1] Vidu la retejon en Esperanto: http://www.librejo.com.
[2] Oni povas trafoliumi la lumbildojn ĉi tie: http://www.slideshare.net/goberiko/kion-oni-lernas-planante-sekretan-lingvon.

por altigi ilian metalingvistikan konscion[3] kaj ilian orientiĝon en mondo kies multlingva bunteco estas ĉiun tagon pli evidenta. La esploro daŭros la venontan jaron 2016-17.

La temo estis prezentita antaŭe en la angla dum fakulrenkontiĝo pri Multlingveco en Edukado ĉe la Universitato de Amsterdamo, kadre de la EU-projekto MIME (Movebleco kaj Inkluziveco en Multlingva Eŭropo)[4] kaj poste en la itala dum la kvara studtago pri interkulturo ĉe Universitato de Milano-Bicocca, Italio, la 26an de Majo.[5]

Eventualaj legantoj kiuj regas la italan povos legi pli ampleksan priskribon en ĉapitro aparte dediĉita al tiu esploro en la festlibro jam prezentita antaŭe. La temo tuŝas la interesojn de la katedro ĉar sekretan lingvon oni inventas per la metodoj de interlingvistiko.

## Esploraj agadoj

de F. GOBBO

KROM LA FESTLIBRO, la anoncita artikolo pri la unua eldono de la lingvolaboratorio ĉe la revuo *AMI Journal 2014-2015* finfine aperis en Majo 2016.[6] Pri la ĉapitro en la volumo post la konferenco *RECODE*, nenio certas, ĉar oni petis preskaŭ reverki la tuton antaŭ la fino de la somero, sen garantio pri publikigo.

La ĉapitro pri komplekseco kaj planlingvoj en la faka libro farita de la esplorgrupo en ACLC de la universitato trapasis la lastan reviziadon kaj ĝi aperos probable en Aŭtuno 2016.

Pri la ĉapitro pri leksikologio de Esperanto en enciklopedia verko eldone de Springer nenio moviĝas: la redaktoroj ne respondas, sed dungito de la eldonejo certas, ke iam ajn ĝi aperos, eble en 2017 [tiel!].




*Poezia premio ĉe Drongo-Festivalo*

Feliĉe, en Decembro 2015 aperis la jubilea numero de la revuo *JKI* (*Język, Komunikacja, Informacja*, pola akronimo por 'lingvo, komunikado, informado') kies ĉefredaktoro estas la kolegino OProf Ilona KOUTNY (Universitato de Poznano). La deka numero estas speciale dediĉiita al Esperanto; la katedrulo kontribuis per anglalingva artikolo kun traduko al Esperanto.[7]

Sijmen TOL, dungito de la eldonejo Brill kaj respondeculo pri la lingvistika bibliografio, pensiiĝis: okaze de tio, festlibro estis eldonita kun poeziaj kontribuaĵoj, ĉar Sijmen estas sufiĉe konata poeto en Nederlando. La katedrulo kontribuis per du poemoj. La unua estas poemeto verkita okaze de la Drongo-festivalo en 2015, kiu gajnis la unuan premion por la plej bona multlingva poemo proponita dum la festivalo mem (vidu ekranfoton en ĉi tiu paĝo).

La dua estas nova poemo verkita por la okazo, denove multlingva. La kunlaboro kun Brill do estas tre vigla kaj viva, kaj daŭras seninterrompe kun nova dungito ĉe la eldonejo mem.

Legantoj de ĉi tiu bulteno jam legis la nomon de Irene CALIGARIS, kiu magistriĝis per disertaĵo pri Esperantologio ĉe la Universitato de Torino kun la katedrulo kiel referanto: la rezultoj estis prezentitaj en Esperanto dum la UK en Lillo (vidu *L' Adama Kat'* n-ro 29). Reviziita versio de la disertaĵo iĝis monografio en la itala, publikigita de la eldonejo *Aracne*. Temas pri neesperantista eldonejo kiu certe disvastigos la agadon de la katedrulo en Torino kaj en Amsterdamo. La antaŭparolo fakte estas la skriba versio de la invitita prelego ĉe la Universitato de Parmo okaze de la Premio "Giorgio Canuto" kiun gajnis ĝuste la disertaĵo de Irene (vidu foton en la posta paĝo). Poste, eĉ la Premio Lapenna, la plej prestiĝa premio pri interlingvistiko mondskale, estis aljuĝita al la sama disertaĵo.

Ankaŭ recenzoj estas parto de esplora agado, laŭ la parametroj de evaluado[8] landanivele (en Nederlando kaj Italio) kaj Eŭropanivele (ĉe la koncer-

[3] Temas pri fakesprimo, kiu celas la kapablon rigardi lingvon kiel objekton de ekstere, t.e. kiel abstraktan kodon sendepende de la fakto, ke lingvo estas ilo por porti signifon.

[4] Vidu la priskribon en Esperanto: http://mime-project.org/#EO. La prezento de la projekto estas je dispono en 17 naciaj lingvoj de la EU, plus Esperanto.

[5] Bedaŭrinde ne ekzistas oficiala retejo de la studtago. Ĉiukaze, bildo aperas apendice.

[6] AMI signifas "Asocio Montessori Internacia". Temas pri anglalingva organizaĵo.

[7] La Esperanta titolo estas: "Transnacia komunikado en 'tutmondiĝo-lokiĝo': serĉante balancitan multlingvecon". La tuta numero deŝuteblas ĉe la oficiala retejo de la revuo: http://jki.amu.edu.pl/. Alklaku '2015 – TOM X'.

[8] La vorto mankas en PIV, eĉ se mi aŭdas ĝin en la parolata Esperanto. En ĉi tiu kunteksto, ĝi signifas plimalpli la sekvan: taksado, ofte farata de iu, post la fino de faro de tasko difinita precize, tiel, ke la metodo por mezuri estas konata de ambaŭ.

naj institucioj de EU). En la periodo Oktobro 2015 – Aprilo 2016, la katedrulo publikigis du recenzojn. La unua recenzo estis verkita en la angla, kaj temas pri itallingva volumo. Ĝi estis publikigita en la revuo Lingvaj Problemoj kaj Lingvo-Planado (*LPLP*),[9] La dua recenzo estis verkita en Esperanto kaj temas pri esperantlingva libro. La revuo kie la recenzo aperis estas *Esperanto* de UEA.[10] Fine, estis kelkaj rezultoj ekster la intereso de la katedro.[11]




*Prelego por la Premio Canuto*

## Instruado de Interlingvistiko kaj Esperanto

de F. Gobbo

Jam estis menciita la rekorda nombro da studentoj de interlingvistiko en la pasinta numero de ĉi tiu bulteno. Oportunas aldoni, ke ĉiuj sukcese trapasis la ekzamenon. Sed estis aliaj du specialaj momentoj antaŭ la ekzameno indaj je mencio.

Fakte, en Oktobro, okazis du specialaj gastlecionoj, ambaŭ estrataj de esplordoktoroj: la unuan lecionon donis viro, la kataluna esperantisto Xavier Alcalde (vidu foton sube), kiu priparolis la rilaton inter la Esperanto-Movado kaj la pacisma movado, kun speciala atento al la frua periodo de Esperanto – t.e., antaŭ la unua mondmilito; la duan lecionon donis virinon, Veronika Póor (vidu foton sube), tiam ankoraŭ kerna homo de TEJO, kiu fakte prezentis la asocion kaj la revuon *Kontakto* al la studentoj. Ambaŭ lecionoj estis donitaj en la angla, ĉar la kursoj pri Interlingvistiko kaj Esperanto estas sendependaj unu de la alia.




*Gastoj lecionas pri interlingvistiko*

La kurso de Esperanto okazas en la monatoj Februaro kaj Marto, do je la komenco de la dua semestro. Kvankam teorie aliĝis 22 studentoj, nur 15 aperis en la klaso pri Esperanto ekde la komenco kaj restis ĝis la fino – denove, ĉiuj trapasis la ekzameno, eĉ se unu bezonis kromteston. Malgraŭ la fakto, ke la rekordo ankoraŭ restas for (23 studentoj de mia antaŭulo EProf Wim Jansen, universitatan jaron 2011-12), 15 gestudentoj ne estas malbona kvanto, ĉar miasperte tiu kvanto permesas optimuman ekvilibron inter kvanto kaj kvalito. Ĉiuj havis la ŝancon aktive partopreni en la kuna laboro kaj progesi en la lernado, kaj la instruisto povas teni okulkontakton kun ĉiuj membroj. Eĉ ĉi-kaze estiĝis speciala evento.



*Ĉiĉeronado por la italaj gastoj*

La legantoj de la bulteno jam scias, ke la katedrulo instruas planlingvistikon – kaj ene de tio Esperanton – ĉe la Universitato de Torino, Italio. Tio okazas dum la monatoj Novembro, Decembro kaj Januaro, tri monatoj kiam la katedrulo ne instruas en Amsterdamo. Ĉi-jare estis grupeto de 5 studentoj el la tiea Universitato kiuj decidis flugi al Amsterdamo por longa semajnfino propravole – kaj proprapoŝe – aparte por ekkoni la nederlandajn kolegojn. La katedrulo organizis specialan lecionon la unuan semajnon de Marto por permesi al la studentoj de la du landoj ekkonatiĝi kaj ekparoli unu kun la

[9] La recenzita libro estas: Nenad Stojanović. *Dialogo sulle quote: Rappresentanza, eguaglianza e discriminazione nelle democrazie multiculturali.* Bologna. Il Mulino. 2014. La unika retadreso de la recenzo (DOI) estas: http://dx.doi.org/10.1075/lplp.40.1.09gob.

[10] La recenzita libro estas: Zlatko Tišljar. *Ekzistado. Kibernetika klarigo de la mondo.* Zagrebo. Izvori. 2012. La recenzo aperis en *Esperanto*, 1300 (3), Marto 2016, paĝo 68.

[11] La ĉefredaktoro de la bulteno pri filozofio kaj komputiloj de la Amerika Asocio de Filozofoj, Piotr Boltuc, petis al la katedrulo komenti debaton pri Artefarita Inteligenteco, kiu aperis en la unua numero de 2016. Krome, Ferdinando De La Prieta, organizanto de la konferenco DCAI 2016 (Junio 2016, Sevilo, Hispanio) pri Artefarita Inteligenteco, invitis aliĝi al la programkomitato la katedrulon, kiu akceptis la inviton mem.

aliaj rekte en Esperanto. Tio forte impresis ĉiujn studentojn, kiuj neniam havis la ŝancon uzi Esperanton inter malsamlandanoj antaŭe. Krom la leciono, okazis agrablaj bierumadoj kaj tagmanĝoj kun aliaj fluaj parolantoj de Esperanto, ankaŭ danke al la helpo de la loka Esperanto-klubo La Amsterdama Rondo, al kiu aliĝas la katedrulo mem. Fine, estis organizita karavano al la CO de UEA en Roterdamo: aliĝis ĉiuj vizitantaj studentoj el Torino kaj aliĝis du studentoj de Amsterdamo (vidu Figuron 1). Ĉiuj studentoj sekvis bovenigan programeton en Esperanto kaj kune tagmanĝis kun homoj kiuj laboras en la CO, ĉiam parolante en Esperanto. Fine, juna loka esperantisto ĉiĉeronis pri la historio de Amsterdamo tra la urbo (vidu foton en la antaŭa paĝo).

## Informade ĉe la Universitato

de F. Gobbo

Ekzistas universitat-kultura institucio, nome Spui25 kiu celas ĵeti ponton inter la rezultoj de la esplora agado ĉe la Universitato de Amsterdamo kaj la kultura vivo de la urbo. Respondeculoj de tiu ĉi institucio invitis la katedrulon prelegi pri la temo de tutmondiĝo, kaj la 8an de Oktobro estiĝis prelego en la angla kies titolo estis 'Alternativa tutmondiĝo: kial Esperanto hodiaŭ?' La salono estis plenŝtopita kaj ĉeestantoj reagis surprize pri la ekzisto kaj vigleco de Esperanto en la nuna jarcento. La prelego daŭris 45 minutojn plus demando-tempon kaj tio permesis prezenti la temon sufiĉe amplekse. Sufiĉe granda grupo da studentoj de la kursoj pri Interlingvistiko kaj Esperanto partoprenis esence pro simpatio. Krome, unu el la ĉeestantoj estas membro de la redakcio de la bulteno *Babel*, la gazeto de la Fakultato de Humanistiko de la Universitato de Amsterdamo. Pri tio, bonvolu legi tuj sube.

## De lessen van een kunsttaal

de K. de Groot en V. Smit

La sekva teksto aperis en *Babel*, post intervjuo al la katedrulo. Pro tio, en la kovrilo aperis titolo en Esperanto sur la kovrilo (vidu Figuron ). Mi represas ĉi-tie la enhavon de la nederlanda teksto, kun konsento de la intervjuintoj, sen ŝanĝoj. Bitversio de ĉi tiu numero de *Babel* estas nun deŝutebla[12].

– FG

*Tijdens dit blok is het vak Esperanto te volgen aan de Universiteit van Amsterdam. Het leerdoel bestaat voornamelijk uit het leren beheersen van de taal. Babel vroeg de docent van het vak, professor Federico Gobbo, naar het nut van het leren van een taal die niet gebonden is aan een land, cultuur of volk en nauwelijks gesproken wordt.*

Esperanto is een zogenaamde kunsttaal, ontworpen door de Russisch-Poolse Jood Lejzer Zamenhof. In zijn publicatie *La internacia lingvo* (De internationale taal) uit 1887 werd de taal voor het eerst aan de buitenwereld gepresenteerd. Zamenhof deed dit onder het pseudoniem 'Dr. Esperanto' wat 'iemand die hoopt' betekent. De taal werd ontworpen om mensen met verschillende achtergronden en talen met elkaar te kunnen laten communiceren. Zamenhof kwam uit Białystok, een stad waar in zijn tijd vier verschillende talen werden gesproken: Joden spraken Jiddisch, Polen Pools, Russen Russisch en Duitsers Duits. De communicatie tussen de verschillende bevolkingsgroepen verliep daarom vaak moeizaam en zorgde voor veel verdeeldheid in de stad. Een politiek neutrale en gemakkelijke te leren taal was volgens Zamenhof de oplossing om deze verdeeldheid in de stad te doen laten verdwijnen.

Esperanto heeft zoals gezegd geen eigen natie, cultuur of volk. Dit maakt de taal dus politiek neutraal, maar wellicht ook onaantrekkelijk om te leren. Gobbo ziet dit gegeven als één van de sterkste voordelen van het Esperanto. Sociologische factoren zoals cultuur zijn volgens hem niet nodig om een sterke taalgemeenschap op te zetten. In de linguïstiek wordt een taalgemeenschap gedefinieerd door extralinguïstische, sociologische factoren. Het bezitten van de Nederlandse nationaliteit hangt niet af van je Nederlandse taalvaardigheid. Je mag je pas Nederlander noemen zodra dit in je paspoort staat. Bij Esperanto werkt dit anders. Esperanto is theoretisch gezien geen taalgemeenschap maar een praktische gemeenschap. Je mag jezelf al 'Esperantist' noemen zodra je de taal beheerst. Hier komen dus geen sociologische factoren bij kijken. Het keuzevak Esperanto maakt je daarom binnen acht weken deel van de Esperantogemeenschap.

Iemand die Esperanto als moedertaal heeft, hetgeen bij minder dan honderd mensen het geval is, heeft slechts een minieme voorsprong op nieuwe sprekers. De taal is namelijk zo ontworpen dat eenieder de taal eenvoudig kan leren. Esperanto is qua grammatica en woordenschat opgebouwd uit Slavische, Romaanse en Germaanse taalprincipes, waardoor het voor sprekers van een taal uit één van deze drie Indo-Europese subgroepen erg gemakkelijk is om de taal onder de knie te krijgen. Dit leek in 1887 politiek neutraal, maar is vandaag de dag natu-

[12] Interesiĝantoj povas ĝin deŝuti libere kaj senpage ĉi-tie: http://student.uva.nl/binaries/content/assets/studentensites/fgw/fgw-gedeelde-content/babel/012216-babel-feb-web.pdf?2914686380723.

urlijk achterhaald. Sprekers van talen uit de grootste taalfamilies – zoals de Sino-Tibetaanse of de Afro-Aziatische – zijn bij het leren van Esperanto nog steeds benadeeld. Zou een nieuwe, écht internationaal neutrale taal niet een veel betere optie zijn dan Esperanto? Gobbo beaamt dit, maar vertelt dat hij veel heeft gesproken met Chinese Esperantisten. Zij vonden dat als er een wereldtaal zou komen, het niet meer dan historisch correct zou zijn als dit een Europese taal zou zijn. Dit is absoluut geen logische redenering, maar Esperanto is met haar nadruk op achter- en voorvoegsels, het grote belang van de juist klemtoon en flexibele woordvolgorde wel de minst Europees lijkende taal van de Europese talen en het meest toegankelijk.

Hoe gemakkelijk het leren van Esperanto is blijkt alleen al uit de duur van het vak. Beheersing van het Esperanto schijnt binnen één blok mogelijk te zijn. Dit heeft onder meer te maken met het geringe aantal basiswoorden dat het Esperanto kent. Gobbo vertelde in een lezing bij Spui25 afgelopen najaar dat je met een vocabulaire van zesduizend woorden hetzelfde kan zeggen waar je in het Engels ongeveer honderdduizend woorden nodig zou hebben. Zo is er geen woord voor 'klein' maar gebruik je door middel van een voorzetsel het tegenovergestelde van het woord 'groot'. Zolang je jezelf verstaanbaar kan maken is alles mogelijk, dat is de belangrijkste regel van het Esperanto. Zo maakt ook de woordvolgorde in de zin niet per se uit, al zijn er natuurlijk regionale of 'modieuze' voorkeuren. Esperanto is de taal van de spreker en past zichzelf regelmatig aan, waardoor woorden zoals 'computer' en 'mobieltje' met de loop der jaren ook een Esperantovertaling hebben gekregen.

Maar Gobbo overtuigde nog niet echt in met zijn argumenten waarom het nuttig zou zijn Esperanto te leren. Het vraaggesprek met hem vond bijvoorbeeld plaats in het Engels. Wat is er in de geschiedenis misgegaan dat het interview niet in het Esperanto werd afgenomen? Een van de oorzaken was de Joodse afkomst van Zamenhof. Naast de Jiddische invloeden in het Esperanto hebben de Joodse wordels van de taal ook gevolgen gehad voor haar verspreiding en status. Zo tolereerde Stalin de Joden in eerste instantie, maar tijdens de eerste zuiveringscampagne werden Joodse leiders gearresteerd en geëxecuteerd en werd ook het Esperanto een verboden taal in de Sovjet-Unie. Vanwege de Joodse connectie werden Esperantisten ook in Hitler-Duitsland fel vervolgd. Toen na de Tweede Wereldoorlog het Engels met grote vaart de belangrijkste internationale communicatietaal werd, werd Esperanto bovendien haast overbodig. Gobbo stelt echter dat het Engels, in tegenstelling tot Esperanto, niet politiek-neutraal is en daarom geen geschikte taal is voor internationale communicatie. Vooral in een politiek debat is iemand die Engels als moedertaal heeft aanzienlijk bevoordeeld tegenover iemand die het als tweede taal gebruikt. Ook veroorzaakt het hebben van een dominante taal het verspreiden van de cultuur van deze taal, wat andere ten koste kan gaan van andere culturen. Het gebruiken van een politiek en cultureel neutraal alternatief voor Engels is volgens Gobbo nog steeds een belangrijk punt om voor te strijden.

Dit is echter niet waarom de leerstoel Esperanto is opgezet aan de Universiteit van Amsterdam. Een belangrijke speler hierin was UvA-docent Roemeens Sigismund Pragano die na de Tweede Wereldoorlog heeft meegeholpen aan de wederopbouw van de universiteit. Pragano, die zelf Esperantist was, heeft de leerstoel opgezet en ervoor gezorgd dat veel belangrijke Esperantogeschriften bij de UvA terecht zijn gekomen. Een groot deel van deze geschriften was bovendien al in Nederland, omdat vele Esperantisten in de vooravond van de Tweede Wereldoorlog hierheen waren gevlucht, in de ijdele hoop dat Duitsland Nederlands neutraliteit zou respecteren. Dit is ook de reden waarom het wereldhoofdkwartier van Esperanto – de *Universala Esperanto-Asocio* (Wereld Esperantovereniging) – in Rotterdam gevestigd is.

Als wereldtaal is het Esperanto (nog) niet geslaagd en niet zo 'neutraal' als dat het in de negentiende eeuw stelde te zijn. Het Engels heeft het Esperanto decennia geleden al overvleugeld als de mondiale lingua franca en het leren en het spreken van Esperanto is vandaag de dag dan ook meer een hobby geworden dan dat het een serieuze poging is om een wereldtaal te leren. Maar de kunsttaal leent zich aan de andere kant perfect als onderzoeksobject naar sociolinguïstiek of de geschiedenis van de twintigste eeuw. Gobbo richt zich bijvoorbeeld op de opkomst van onderscheidende taalkenmerken bij de spraakgewoontes van jeugd uit verschillende landen. Het Esperanto biedt een unieke context voor onderzoek naar centripetale (gestandaardiseerde) en centrifugale (afwisselende) tendensen in het 'leven' van een taal. Daarin ligt voor het Esperanto, dat met ruim twee miljoen sprekers relatief gezien een vrij grote taalgemeenschap kent, de toekomst. Een wereldtaal zal de taal van de hoop nooit meer worden, maar als onderzoeksveld is het Esperanto een goudmijn voor taalwetenschappers.

## Informade ekster la Universitato

de F. GOBBO

TASKO DE LA KATEDRULO estas diskonigi la ekziston kaj konkretan agadon de la katedro ekster la Universitato de Amsterdamo. Ni komencu per la diskonigo landanivele, tio estas, en Nederlando. Elly LEWIN, la 16-jara nederlanda lernejanino kiu intencis verki diplomlaboraĵon – *profielwerkstuk*, nederlande, por atingi *VWO*'n – pri la kialoj lerni Esperanton hodiaŭ, partoprenis la prelegon ĉe SPUI25 kaj Esperanto-renkontiĝon en Nederlando por intervjui homojn pri la temo. Ŝi finverkis sian tekston, kiu enhavas resumon en Esperanto. Mi permesas al mi eltiri citaĵon ĉi-tie (originalo en Esperanto, sen redaktado):

'Konklude, mi vidas tri tipojn de motivoj por uzi Esperanton. La unua estas ideologia, la dua estas persona kaj la tria estas: pro kutimo. La ideologiaj motivoj povas esti "pacigi la mondon", "ŝpari monon" aŭ io inter tiuj ekstremoj. La personaj motivoj povas esti sociaj kaj kulturaj, aŭ lingvaj. La tria tipo estas la plej nekaptebla: estas kombinaĵo de hazardo, kutimo, arbitro, evidenteco. La tri motivoj ĉiam kombinas kaj ofte ankaŭ sekvas unu la alian. Laŭ mi multaj Esperantoparolantoj komencas per ideologia motivo, iras al personaj motivoj kaj poste restas en Esperantujo pro kutimo. Esence, la ideologia kaj la persona motivo ne bone kombinas, ĉar se iam venos la fina venko, multaj personaj avantaĵoj [devus esti: avantaĝoj, NdR] forfalos.'




*Esperanto ĉe Illustere School*

En Novembro, alvenis peto al ĉiuj profesoroj de la Universitato proponi manieron helpi al la rifuĝintoj.[13] La katedrulo ofertis senpagan aliĝon al la kurso pri Esperanto, kiu estas malfermita al la ĝenerala publiko per la tiel nomata *publieksprogramma* ene de la *Illustere School*. Ĝis nun neniu aliĝis per tiu maniero, nek rifuĝintoj, nek nerifuĝintoj – eble pro la kosto? (vidu la bildon en ĉi tiu paĝo). Ĉiukaze, la oferto ankoraŭ validas kaj la tuta agado estis aprezita de la alvokantoj.

Mi ne scias la kialon, sed estas fakto, ke nederlandaj altlernejanoj interesiĝas pri Esperanto kaj pro tio kontaktas la katedrulon. Tiu ĉi estas la dua diplomlaboraĵo tiuspeca: en antaŭa numero de ĉi tiu bulteno, mi parolis pri aliaj du intervjuoj, kaj mi povas aldoni, ke mi ricevis lastatempe pliajn aliajn du informpetojn interrete: praktike, tio signifas 5 petoj en 3 jaroj. Certe, la fakto, ke la katedro estas facile trovebla per simpla guglado, helpas multe.[14] Ne nur lernejanoj, sed ankaŭ artistoj en Nederlando interesiĝas al Esperanto kaj kontaktas la katedron. Fakte, en Decembro mi estis petita traduki al Esperanto la anglalingva frazo *Being the other is hell* por arta ekspozicio nomata *Parrhesia* kiu okazis en Groningo ĝis Februaro 2016. La artisto nomiĝas Ruben ABELS de *DesignArbeid*. Mi proponis multspecajn tradukojn al la artisto, kiu fine elektis la malpli klasikan: *Esti l' ali(ul)o inferas.*[15]

Alia invito alvenis en Februaro 2016. Dum la unua semestro de 2016, la prezidanteco de EU apartenis al Nederlando. Inter la multaj iniciatoj en la ĉefurbo Amsterdamo, grupo de 12 artistoj kaj dezajnistoj el 12 diversaj landoj organizis ekspoziciojn, prelegojn, kaj aliaĵojn en la granda spaco malantaŭ la marmuzeo de la urbo, proksime al la fama NEMO-muzeo. La grupo nomiĝas angle *New Europeans*,[16] sed la ĉefa uzo de la angla ne estis sen diskuto, kaj jen la ekzisto de Esperanto venis al la atento de la itala membro de la grupo, Paolo PATELLI. La katedrulo estis invitita prelegi pri Esperanto kaj Eŭropa identeco kaj okaze de tio li intervjuis membrojn de familioj kiuj ĉiutage uzas Esperanton tra Eŭropo por ekscii pri la vidpunkto de homoj por kiuj Esperanto estas ĉiutaga lingvo en la familio rilate al Esperanto kaj Eŭropo. Li poste tradukis al la angla la plej interesajn rimarkojn – kiuj havas nur provstudan signifon (slange oni diras pri "pilotostudoj"), ĉar nur 12 homoj respondis konsiste (valo-

[13] La 2-an de Novembro 2015 alvenis papera letero tiucele kun la nederlanda titolo: 'Vluchtelingen op Nederlandse universiteiten en hogescholen. Geef vluchtelingen de ruimte voor persoonlijke ontwikkeling en uitzicht op een zinvol verblijf. Petite'.

[14] Por kompari, la leganto estu konscia, ke nenio simila okazis al mi en Italio post 6 jaroj de instruado de Esperanto ĉe prestiĝa universitato – almenaŭ landnivele – kiel tiu en Torino kie mi instruas.

[15] Bedaŭrinde ne ekzistas oficiala retejo de la projekto, sed la artgrupo estas atingebla ĉe la retejo: http://designarbeid.nl/.

[16] Vidu la retejon: http://neweuropeans.org.

renhave) – kaj diskutis kun la “noveŭropanoj” la temon en invitita prelego, kiu okazis en Marto. En Figuro 2 oni povas vidi la anglalingvan flugfolion.




*Esperanto partis la artprojekton Parrhesia*

Alia artisto, Nicoline VAN HARSKAMP, invitis la katedrulon partopreni projekton per Esperanto kiel alternativa ilo por internacia komunikado, sed pro kalendaraj problemoj la tasko estis farita de la lingvisto kaj tradukisto Leston [Buell]. La ekspozicio malfermiĝis la 23an de Aprilo 2016, pere de la artgrupo *De Appel*.[17]

La Esperanto-Movado en Nederlando donas sufiĉe da atento al la agadoj de la katedro. Interalie, la kovrilo de la novembra-decembra numero de *Fenikso*, ekzemple, estis dediĉiita al la Drongo-festivalo en 2015, kun multaj bildoj kiuj montras la specialan lecionon de la katedrulo.

Kiel la legantoj de ĉi tiu bulteno scias, krom Nederlando, la alia loko en kiu la katedrulo vivas kaj laboras estas Italio. Italoj estas ĝenerale aparte sentemaj al samlandanoj laborantaj eksterlande, kaj ĝuste pro tio okazis alia intervjuo ĉe retradio nomata *Europhonica*.[18] Temas pri reto de radioj tra universitatoj en Eŭropo memzorgata de studentoj. La intervjuo, farita en la itala de Lorenzo PELUCCA, daŭris 10 minutojn kaj oni elsendis ĝin unuafoje la 4-an de Novembro inter la 6a kaj la 7a posttagmeze (CET). La intervjuo restas je dispono kiel podkastaĵo.[19]

Sufiĉe interese, la itala Esperanto-movado komencas doni atenton al la agado de la katedrulo universitat-nivele nur ekde kiam li profesoriĝis en Amsterdamo, kvazaŭ la Torina katedreto estus senvalora. La katedro (sed ne la katedrula nomo) estis menciita en intervjuo al la prezidantino de IEF, Michela LIPARI, ĉe sufiĉe populara itala blogo *Linkiesta*.[20]

Alia novaĵo rilatas tradukadon al la itala. La artikol-serio pri Interlingvistiko kiu jam aperis en revuo *Esperanto* estas tradukata de la katedrulo mem al la itala kaj aperas, samforme kiel artikol-serio, en la revuo de Itala Esperanto-Federacio *l’esperanto*, post invito de la nova ĉefredaktoro, AProf Davide ASTORI (Universitato de Parmo). Ĝis nun aperis la unuaj tri artikoloj.

[17]Interesatoj pri la artgrupo povas viziti la retejon: http://deappel.nl/. Por pliaj detaloj pri la rezultoj, bonvolu kontakti rekte Leston Buell per la retejo *Zotezeggen*.

[18]Tio signifas, ke la katedrulo estis prezentita ne kiel Torinano sed kiel Amsterdamano, instituci-vidpunkte.

[19]Legantoj kiuj scipovas aŭdi la italan povas trovi ĝin en la sekva retejo: http://europhonica.eu/it/. La komentoj de la intervjuanto kaj la reĝisoro de la programo estis sufiĉe interesaj, ĉar ŝajnas, ke multaj Erasmus-studentoj ŝatus havi neŭtralan lingvon por la universitatoj tra EU. Tamen, mi ne povas ne mencii, ke Zamenhof estis difinita ‘pola oftalmologo’, eĉ se dum la intervjuo estis klare dirite, ke la iniciatoro de la lingvo estis judo, rusujano, kaj okulisto – kiom da italoj komprenas la vorton ‘oftalmologo’, kiu hazarde estas la sama en Esperanto, krom la akcento? Mencio pri la ekzisto de la intervjuo aperis iom kaose en la dissendlistoj de la italaj esperantistoj. Neniu reagis en iu ajn formo.

[20]Legantoj regantaj la italan povas legi la intervjuon ĉi tie: http://www.linkiesta.it/it/article/2016/03/05/lesperanto-e-vivo-e-lotta-insieme-a-noi/29500/.




Figuro 1: Vizito al la CO de UEA fare de studentoj de Esperanto el Amsterdamo kaj Torino

# A universal language

Ludwik Lejzer Zamenhof, born in Poland in 1859, grew up fascinated by the idea of a world without war. He believed that this could happen with the help of a new international auxiliary language, which he first developed in 1873, while still in school. Such politically neutral language, designed to transcend nationality and foster peace and international understanding, took the name of "Esperanto", and translate as "one who hopes". It is today the world's most successful and widely spoken constructed language: up to 2'000'000 people worldwide, to varying degrees, speak Esperanto, including 2'000 native speakers. There are over 226,000 articles on Esperanto Wikipedia (more than Danish, Thai, Hindi or Hebrew), and some 116'000 users. Those who use Esperanto make up a voluntary, non-ethnic, non-territorial speech community, which shares a number of traits with a diaspora, although speakers of Esperanto never actually lived together in a definite territory.
Esperanto itself is not the primary language of any geographic region, outside of temporary gatherings and isolated offices (such as the World Esperanto Association's central office in Rotterdam).

Federico Gobbo is a researcher and teacher in the areas of Linguistics, Philosophy and Computing. His main topic of interest is artificiality in languages. For *languages*, this mainly means planned languages, like Esperanto and Volapük but also languages planned for fictional purposes like Star Trek's Klingon. During the Open Classroom Federico will talk about the Esperantist project, started in 1887, and its legacy, in the contexts of Europe and everyday life. The goal of its creator ("Doctor Esperanto" aka L. L. Zamenhof) was to create a politically neutral language that would transcend nationality and foster peace and international understanding between people.

# Babel:

## Open Classroom #3 featuring Edwin Gardner and Christiaan Fruneaux from the reseach collective Monnik and Esperanto scholar Federico Gobbo



02 MARCH
5 -7 PM

New Europeans is excited to present our third open classroom in which we focus on the power of language.

Figuro 2: Flugfolio verkita de *New Europeans*

BABEL.

Maandblad vo[...]
Facultei[...]
Geesteswetenschappen
jaargang 24 • numm[...]
Februari [...]

De Limburgse rockband **DEWOLFF** besloot een album te maken zonder producer

99 jaar na haar dood staat femme fatale **MATA HARI** opnieuw op de planken – Het Nationale Ballet over hun nieuwe voorstelling

Kial oni povas sekvi **ESPERANTO**-kurson ĉe la Fakultato de Humanistik[...]



Universiteit van Amsterdam
Faculteit der Geesteswetenschappen

Figuro 3: Kovrilo de *Babel* kun esperanta skribaĵo

UNIVERSITÀ DEGLI STUDI DI MILANO BICOCCA

DIPARTIMENTO DI SCIENZE UMANE PER LA FORMAZIONE "RICCARDO MASSA"

UNIVERSITÀ DEGLI STUDI DI MILANO BICOCCA

QUARTA GIORNATA INTERCULTURALE BICOCCA

26 MAGGIO 2016
AULA MAGNA
EDIFICIO U6

BUILDING
TRA LE DUE SPONDE
BRIDGES

L'EDUCAZIONE INTERCULTURALE ALL'EPOCA DEI NUOVI FONDAMENTALISMI

PROGRAMMA DELLA GIORNATA

Figuro 4: Programo de la Kvara Studtago pri Interkulturo ĉe Universitato Milano-Bicocca

Figuro 5: Enhavtabelo de la festlibro honore al Renato – 1

Figuro 6: Enhavtabelo de la festlibro honore al Renato – 2



## II. Esperantologio – Esperantologia – Esperanto Studies



## III. Lingvolernado – Apprendimento linguistico – Language Learning

Figuro 7: Enhavtabelo de la festlibro honore al Renato – 3